


Nemzetközi
eszperantó
diáklap
Megjelenik
évente háromszor
VII. évfolyam
2—3. szám, 1980
Felelős szerk.:
Kurucz Géza
Kiadja a
Magyar
Eszperantó
Szövetség
Budapest,
Kenyérmező u. 6.
1081
Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült a
Nyírségi
Nyomdában
4000 példányban
Felelős vezető:
Jáger Zoltán
igazgató
80. — 73532
Kiad. eng. sz.:
III/IFJ/30/1976

●

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

*Sur la titol paĝo:*
*Ĉef'sidejo de Unesko,*
*Parizo*



# *Kio estas*





*„Car la militoj ek-estadas en la homaj mensoj, same en la homaj mensoj estu pret'ig'itaj la defendoj de la paco!"*
*El la Konstitucio*[1] *de Unesko*

# UNESKO?

*Unesko* estas, unue, idealo[2]. Ĉio, kion ĝi entreprenas, celas est'igi pacon inter la popoloj de la mondo.

*Unesco* estas ankaŭ unu el la 14 organoj de *UNo* (Unu-iĝ'intaj Nacioj). Ĝia nomo: UNESCO estas siglo[3] laŭ la anglaĵo United Nations Educational, Scientific and Cultural Organization, tio estas: Organizo de Unuiĝintaj Nacioj pri Edukado, Scienco kaj Kulturo. Unesko konsistas el 142 Ŝtatoj Membroj. Ĝia Y-forma sep-etaĝa sidejo troviĝas en Parizo, apud la Eifel-turo, sed ĝi havas regionajn oficejojn en Azio, Afriko kaj Latina Ameriko. Unesko kun-laboras kun 388 ne-reg'ist'araj organizoj, inter ili ankaŭ kun *UEA* (Universala[4] Esperanto-Asocio).

1. baza leĝ'aro de ŝtato, grava organizo/ 2. cel'ado al io nobla/ 3. mallong'igo, kiu konsistas nur el la komencaj literoj de vortoj/ 4. tut'monda/ 5. demokrato: persono, kiu celas egalecon inter la homoj/ 6. vort'igis; star'igis antaŭ si celon/ 7. plibon'igi/ 8. helpas; prosperigas/ 9. sciencaj provoj/ 10. kun-ord'ig'ita agado por atingi iun celon/ 11. preĝejoj; sanktejoj/ 12. statistiko: aro da nombroj, kiuj montras faktojn en iu kampo de ekonomio, kulturo k.t.p./ 13. ne-antaŭ-vid'ebla okaz-aĵo.

PIED'NOTOJ de *„Iom pri la poezio de maorioj"* (5-a paĝo)
1. arto esprimi sentojn per la muziko de la parolo/ 2. praa formo de io/ 3. esploristoj de praa popola kulturo/ 4. sin donis al iu temo/ 5. skriba-forma/ 6. aro da signoj; ĉi tie: de grafikaj signoj/ 7. ĉizi: skribi, desegni sur malmola materio/ 8. aro da pli-mal-pli samaĝaj homoj/ 9. tuto de mirrakontoj pri praaj tempoj/ 10. opinioj, kutimoj, trans-don'itaj de antaŭaj generacioj/ 11. post-lasis/ 12. reciti: laŭte, laŭ-vorte ripeti ion parkere ellernitan/ 13. supraĵe tuŝi ion per rakonto/ 14. lamenti: priplori/ 15. edzino post la morto de edzo/ 16. luli: movi infaneton tien-reen por dormigi ĝin/ 17. pediko: suĉ'insekto de la kapo/ 18. funebro: malĝojo pro morto/ 19. frondo: branĉo kun folioj/ 20.

Cent-miloj da homoj vidas Uneskon tra tio, kion ĝi faras. Ili vidas ĝin divers'maniere, laŭ sia loĝloko kaj laŭ sia viv'maniero.

La edukado estas unu el ĝiaj ĉefaj kampoj. Unesko kreas lernejojn en multaj landoj, kie neniam antaŭe ekzistis tiaj; ali'loke, la



tasko estas: reformi la edukadon, pli-demokrat'igi[5] ĝin. Por la jaroj 1977—78, ekzemple, Unesko difinis[6] la celon per la jenaj vortoj: *„ebl'igi al la edukado pli efike kontribui por solvi la nunajn problemojn de la homaro"*.

La scienco estas unu el la plej internaciaj okupoj, tamen ĝiaj bon'faroj estas malegale dividitaj inter la nacioj. Unesko helpas korekti[7] la mis-dividon. Ĝi patronas[8], ĉiu-jare, ĉirkaŭ ses-dekon da duagradaj universitataj kursoj pri scienco kaj inĝenier'arto. Unesko partoprenis la organizon de du grandaj kongresoj pri la sunoenergio kaj tiun pri bazaj energiproblemoj k. t. p. Ne ekzistas grandaj eksperimentoj[9], en kiuj ne partoprenas Unesko.

La ideo, ke la kulturo apartenas al ĉiuj, igis Uneskon komenci kampanjon[10] por savi la kulturajn memoraĵojn de la homaro (temploj[11] en *Nubio, Pakistano, Venecio, Atena Akropolo* k. t. p.).

Se temas pri libroj, Unesko celas plenumi la bezonojn de la malhav'antoj ĉar, eĉ en la nunaj tagoj, montras Unesko-statistikoj[12], ke pli ol 48% de la monda libroproduktado de-venas de Eŭropo, kaj malpli ol 2% de Afriko. Korekti tiun krian malegalecon estas unu el la taskoj de Unesko.

Per siaj multaj homecaj rimedoj, sur ĉiuj kampoj, Unesko grave kontribuas al la konservo de la paco.

Ne estas hazardo[13], ke Unesko jam en 1954 re-konis la signifon de Esperanto, kaj ĝi konstatis, ke

*„tiuj rezultoj de Esperanto respondas al la celoj kaj idealoj de Unesko".*

*Laŭ Unesko—UEA el-donaĵo 1979 „Unesko, kio ĝi estas, kion ĝi faras, kiel ĝi funkcias"*

# IOM PRI LA POEZIO[1] DE MAORIOJ, PRA-LOĜ'ANTOJ DE NOV-ZELANDO

La kulturo de la malnova maorio — antaŭ la en-veno de la *pakeha* (=blankulo) — estis vere originala[2] kaj vasta. Pluraj folkloristoj[3] dediĉis[4] preskaŭ sian tutan vivon al ĝia studado. Iliaj prinotoj plenigas jam multajn librojn.

La maorioj konis nenian grafikan[5] sistemon[6] (skribon, ĉizon[7], desegnon) por konservi siajn kolekt'itajn konojn kaj spertojn, kaj por trans-doni ilin al la sekv'ontaj generacioj[8]. La sola rimedo estis la per-vorta trans-dono kaj la konservo en la memoro.

*

Literaturo, mitologio[9], tradicioj[10] kaj ankaŭ la poezio estis transdon'ita de generacio al generacio per-buŝe.

Por tio servis la „domo de scioj", kaj aliaj malpli gravaj instru'domoj.

Poezio facile kaptas la memoron. Tion sentis ankaŭ la maorioj, tial ili kreis kaj heredigis[11] siajn sentojn, sopirojn kaj ankaŭ historion en recitaj poemoj[12].

La temo de la kantaĵoj estis ĉerpita el ilia tuta interna kaj ekstera vivo. Tamen, estas rimark'inde, ke gran-



da parto de la kantaĵoj apartenas al la loko de ilia naskiĝo.

*Elsdon Best* (unu el la plej famaj stud'intoj de la maorioj) menciis[13], ke lia maoria amiko recitis al li pli ol mil kantojn. Tre multaj, el ili, estis lamentaj[14] kantoj pri mort'intaj parencoj: patro, infano, aŭ kanto de vidvino[15], malgaja pro la for-pas'inta edzo.

Sed la kantoj povis esti ankaŭ gajaj, kiel tiu de am'antoj aŭ la lul'kantetoj[16]. Ili tre volonte kantis dum trankvila sun'sub-iro. Ili kredis, ke tiam ĉeestas ankaŭ la animoj de la forpasintaj ge-karuloj, kaj ke tiuj kun-kantas kun ili.

La ĝenerala nomo de la kantaĵoj estis *karakia*, sed ili havis multajn sub-specojn. Aparte gravaj estis recitaĵoj, kant'ataj dum sin-preparo al milito kaj post venko. Sed ekzistis karakia por gast'akcepto, al la suno kaj luno, vetero, ĉe sporto, ludo k. t. p. Aŭskultu unu el ili, kiun infanoj kantis ir'ante sin bani al la maro, dum suno-brilo:

*Mia kapo, mia kapo!*
*La suno, jen brilas!*
*Nun, ĝi povas for-manĝi la pedikojn*[17]
*sur mia kapo!*
*Kapo, kapo,*
*la suno brilas!*

(Ni rimarkigas ĉi tie, ke tia lingvaĵo povis uziĝi nur inter infanoj!)

La ĉi-suba funebra[18] kanto — kiun kantis malgaja patro ĉe *tangi* (=funebra festeno) — jam konsistas el la plej belegaj poeziaj komparoj kaj ideoj. Aŭskultu do la patron, al kiu mortis du infanoj:

*Sola mi sidas tie ĉi, kaj*
*mia koro sangas por vi, miaj infanoj.*
*Ho, miaj filoj!*
*Mia kapo, klin'ita sub la ŝarĝo de l' malĝojo,*
*kiel la kreaĵo de Tane (= la dio de la vivo),*
*tie, transe, la frondaj*[19] *arboj!*
*Pro vi, miaj filoj, mi estas klinita*
*kiel la velk'intaj*[20] *folioj de mamaku-fern'.*
*Kie vi estas nun?*
*Kie ĉiuj tiuj feliĉaj junuloj?*
*. . . La ĉiama re-fluo portis ilin for . . .*

Eĉ moderna poeto ne povus pli noble, pli profunde esprimi la patrajn sentojn pro la perdo de la filoj.

La indiĝeno[21] rilatis al sia nasko-tero kun granda amo. Trib-estro[22], kapt'ita de alia tribo, tiel kantis sur bordo de fremda rivero:

*Krispe[23] ondadas la akvoj de Waikato.*
*Mi estas apart'ig'ita de la lando de mia infaneco,*
*per la rapide flu'anta tajdo[24].*
*Akvoj de Kawhia!*
*Ho, kiel malproksime estas vi, de mi!*
*De-longe dis-ig'ita, mi staras tie ĉi,*
*Kaj kiel rapide fluas la rivero,*
*same rul'iĝas miaj larmoj[25].*

El la prezent'itaj poeziaĵoj, oni vidas, ke la maoriaj kantoj kaj versoj ne havas rimon[26], nur ritmon, kiun la maorioj tre ŝatas. La kantado ŝajnas monotona[27] por Eŭropaj oreloj. Kelkaj kritikistoj komparas ĝin al la araba.

De la tempoj, en kiuj naskiĝis la supraj ideoj kaj pensoj, pasis ne tro multaj jaroj, dum kiuj la maorio ŝanĝiĝis, parte favore, parte malfavore. Nur unu estas certa: ankaŭ li en-paŝis en la progreso-fluon de la homa socio, trans-prenis ties karakterizajn trajtojn[28].

PIEDNOTOJ:
sur la 3-a kaj 15-a paĝoj

*Laŭ la artikolo de J. Hamvai*
*Nov-Zelenda Esperantisto, 6-1979*

## PROVERBOJ

*Se ne estus „se" kaj „tamen", mi al ĉio dirus amen[1].*
*De zorgoj, ne de jaroj, blankiĝas la haroj.*
*Li komprenas predikon[2] kiel bovo muzikon.*
*Fiŝo ne iras, sed la hoko ĝin tiras.*
*Fiŝo scias pri naĝo ankaŭ sen via saĝo.*
*Sen-paga estas nur la morto, sed ĝi kostas la vivon.*
*Parolo estas arĝento, oron similas silento.*
*Kiu mordi[3] ne povas, kisi ek-provas.*
*En ĉiu objekto troviĝas difekto.*
*Oni lekas[4] la manon, sed celas la panon.*
*Korvo[5] al korvo okulon ne pikas.*
*Nigran kornikon[6] sapo ne blankigas.*

1. fina vorto en preĝo: „tiel estu!"/ 2. prediki: parole komuniki al publiko religiajn instruojn/ 3. vundi per dentoj/ 4. tiradas la langon sur io; signo de fideleco/ 5. pli-malpli nigra birdo/ 6. speco de korvo.

Trafis nin granda perdo: mortis LUDMILA JEVSEJEVA, nia kara poetino[1], kun-labor'anto, ĉe Juna Amiko, de la unua numero.

Por memorigi ŝian ne-forgeseblan personecon, ni aperigas, ĉi-foje, kelkajn lastajn versaĵojn de nia for-pas'inta amikino.

## *LUDMILA JEVSEJEVA*

### *La perd'iĝ'inta butono*

*Serĉis panjo kaj avino,*
*serĉis avo, mi, onklino,*
*serĉis sen-rezulte, vane[2],*
*sur-genue, ambaŭ-mane.*

*Ve, de mia jak' butono*
*fal'perdiĝis sen pardono.*

*Kiam ni laciĝis tute —*
*eta frat' signalis[3] mute[4].*
*La butonon, per la lango,*
*kaŝis li malantaŭ vango.*

### *Semajno*

*Semajno*
*havas tagojn sep.*
*Kvin tagoj —*
*por laboro.*
*La lastajn*
*uzu laŭ dezir',*
*laŭ plaĉo*
*kaj humoro!*

### *Ĉiu havas nomon*

*Ĝin havas vi,*
*ĝin havas mi,*
*ĉevalo, pork',*
*bovido,*
*vir'kato, koko,*
*anasid'[5],*
*ansero[6] kaj*
*kaprido[7].*
*Donace venis*
*la hundid'.*
*Kvar-pied'ulo*
*bravas[8].*
*Kaj nun mi zorgu*
*pri la nom',*
*ĉar nomon*
*ĝi ne havas.*

### *Ŝuoj*

*Piedojn vesti — jen problemo!*
*Ĝin iel solvis bubo[9] Remo.*
*Sed al bon'sento mankas io,*
*ĉar strangas la situacio[10]:*
*Ŝu'nazoj divers'flanken spektas . . .*
*Ja kiu ilin fuŝ'direktas?*

1. verkisto de versaĵoj/ 2. sen-utile; sen-rezulte/ 3. donis signon; signis/ 4. muta: tiu, kiu ne povas paroli/ 5. anaso: kort'birdo, kiu bone naĝas/ 6. kiel anaso, sed pli granda/ 7. kapro: lakto-dona besto, kiu faras: mek-mek/ 8. kuraĝas/ 9. sen-eduka mov'iĝ'ema knabo/ 10. stato, en kiu io aŭ iu troviĝas.

# Sinonimoj

*„Li donacis al sia kara fianĉino karan brilianton[1], kiun li elektis el la plej karaj juveloj[2] kaj kiun, kvankam ĝi estis tre kara, li sen-hezite[3] aĉetis.”*

La supra teksto[4] estas malbela, kvankam gramatike[5] ĝusta. Nun, legu la ĉi-sekvan, iom-ete ŝanĝ'itan, sam'sencan tekston:

Li donacis al sia *kara* (aŭ: *am'ata*) fianĉino *alta-prezan* brilianton, kiun li elektis el la plej *valoraj* juveloj kaj kiun, kvankam ĝi estis *multe-kosta*, li senhezite aĉetis.

La teksto iĝis bel'sona, ĉar ni ŝanĝis la vorton „kara” per parenc-senaj vortoj; tio estas: per *sinonimoj*.

Oni diras: „*kara* patrino” aŭ „*kara* re-memoro”, sed preskaŭ neniam: „*multekosta* patrino aŭ „*multekosta* rememoro”, nek: „*altaprezaj* patrino aŭ rememoro”, tamen „*valora* patrino” jam havas sencon, sed ne la supran. Ekzemple: „Li havas valoran patrinon, ŝi ĉiam helpas al li.”

Oni povas diri: „*multekosta* libro” aŭ „*kara* libro”, sed „multekosta” sub-strekas[6] nur la prezon: „*altapreza* libro”; „*kara* libro” povas esti ankaŭ malmulte-kosta, tamen „*valora* libro” por mi. Ekzistas ankaŭ „*sen-preza* libro”, kiu povus signifi: libro sen prezo, tio estas: „sen-paga libro”; tamen oni uzas ĝin por montri la muzean valoron de libro, ties neesprimeblan valoron en prezo, tial do ĝi estas: „*senpreza*”.

Vi vidis kelkajn sinonimojn: *kara, amata, multekosta, altapreza, senpreza, valora.* Ili ĉiuj similas unuj al la aliaj laŭ en-havo, tamen ankaŭ diferencas almenaŭ laŭ la impreso[7]; kaj, se iu volas sin esprimi klare, li devas elekti el inter ili la plej taŭgan aŭ trafan.

Provu formi vicon da sinonimoj! Metu la vortojn en frazojn, kaj sendu ilin al la redaktisto: *G. Kurucz,* Hitel u. 10. fszt. 16., H-6000 KECSKEMÉT, *Hungario.* Ni aperigos la plej sukcesajn en iu proksima numero.

1. sen-kolora multe-kosta ŝtono/ 2. grand'valoraj ornamaĵoj/ 3. tuj; sen longa pri-penso/ 4. skribaĵo/ 5. laŭ la reguloj de lingvo/ 6. faras linion sub vorto; ellevas penson/ 7. efiko sur iun aŭ ion.


*La centro de la mez'epoka Bruĝo*

# BELGIO

Nia malgranda lando, apud la *Norda Maro,* havas teritorion[1] de 30 506 km[2] kaj mar'bordon de 65 km.

La religio estas la katolika[2]. Inter la religiaĵoj, mond'fama estas la procesio[3] de la *Sankta Sango* en la urbo *Brugge* (:bruĝ), dum iu festotago de majo.

En Belgio vivas tri popoloj: la *flandroj,* parto de la Nederlanda popolo (en la norda parto); la *valonoj,* parto de la franca popolo (en suda Belgio); kaj tute oriente, loĝas 60 mil *germanoj.* La teritorio de tiuj lastaj estis al-ig'ita al Belgio post la unua mond'milito (1914—18).

La norda parto de la lando estas ebenaĵo, dum la suda konsistas el montetoj, la tiel nom'ataj *Ardenoj,* ofte vizit'ataj de turistoj.

Nia lando konas nek varmegan someron, nek malvarmegan vintron. Pro la maro, la vetero estas tre varia[4] kaj ŝanĝ'iĝ'ema.

La politika reĝimo[5] estas demokrata[6] parlamenta[7] reĝo-lando, sed ni estas sur la vojo al dis-falo en du mem-starajn ŝtatojn, ian federa-

cian[8] organizon. Tion kaŭzas, ke vivas, ĉe ni, du tute malsamaj popoloj.

En la 19-a jar'cento, *Valonio* estis pli prospera[9], pro riĉaj karbo-minejoj[10] kaj uzinoj[11]. En *Flandrio*, la ĉefa branĉo estis la teksaĵ'industrio. Poste, la evoluo prenis alian direkton. Oni trovis karbon ankaŭ en Flandrio, dum kelkaj valonaj minejoj malplen'iĝis.

Nun-tempe, industriaj centroj formiĝas ĉefe apud la havenoj[12]. Ĉio ĉi al-portis malprosperon al Valonio, kaj prosperon al Flandrio.

Niaj plej vizitindaj urboj estas: *Bruĝo, Gento, Bruselo, Loveno, Antverpeno, Lieĝo, Nanuro.*

En la mez'epoko (ĝis la 15-a jarcento), nia teritorio konsistis el memstaraj grafo-landoj[13]: *Flandrio, Henegovio, Brabanto, Luksemburgo* kaj la Princ -Episkopejo[14] *Lieĝo.* Tiuj, kaj la Nederlandaj grafolandoj, estis unu-ig'itaj de imperiestro[15] *Karlo la V-a* en 1549. Sed, jam en la dua du-ono de tiu jarcento, la imperio dis-falis al la nunaj Nederlando kaj Belgio. De tiam, ni neniam plu estis memstaraj. Ni devis toleri la superregon de *Hispanio* (ĝis 1713), de *Aŭstrio* (ĝis 1794), kaj de *Francio* (ĝis 1815).

Dum mallonga tempo, reĝo *Vilhelmo la I-a* (1815—30) denove unu-igis la grafolandojn sed, post ribelo[16] kontraŭ la reĝo, la potencaj[17] ŝtatoj decidis, en *Londono,* la starigon de Belgio, la 20-an de decembro 1830.




*Monumento apud la rivero Izero. Ĝi estas starig'ita honore al la flandraj viktimoj de la du mond'militoj. Sur la bazo troviĝas en kvar lingvoj: „Neniam plu milito!" Ĉiu-jare okazas tie granda paca manifestacio, kiun ĉeestas ĉirkaŭ 80 mil flandroj.*

Ĉe ni, estas iom akra batalo inter la du lingvo-grupoj. Komence, estis nur unu oficiala lingvo: la franca (por la tuta lando). La flandroj luktis por egal'rajtigi sian Nederlandan lingvon. Kvankam multo pliboniĝis, la bukto daŭras kaj daŭros ĝis plena egalrajteco.

Flandrio fariĝis mondfama en la pentro-arto dank' al la tiel nom'ataj „*Primitivoj*" (*Van Eyck, Memlink* k. a.) kaj dank' al la Antverpena skolo[18] de *Rubens* k. a. Ankaŭ la muzikistoj de la 15-a jarcento estis el-staraj. Kaj, fine ni ne forgesu pri la tapiŝoj, kiuj ornamas sennombrajn kastelojn[19] en Francio kaj en aliaj landoj de la mondo.

La esperantistoj organiziĝas en du Ligoj: la *Flandra Esperanto-Ligo,* kaj la franc'lingva *Asocio por Esperanto,* sub la tegmenta organizo: *Belga Esperanto-Federacio.* La junulara Esperanto-movado estas plej vigla en *Antverpeno.*

La belgoj volonte akceptas vizit'antojn. Mi esperas, ke vi ankaŭ decidos propra-okule rigardi nian landon. Ni atendas vin.

*Drs. Fernand Roose* (Belgio)

1. lim'ig'ita spaco/ 2. katoliko: ano de speco de Krist'ana religio/ 3. rond'ira marŝo de religiemaj homoj/ 4. mult'speca/ 5. regad'maniero/ 6. reĝimo, en kiu la politika povo apartenas al la popolo/ 7. parlamento: la nacia elekt'it'aro/ 8. grupiĝo de ŝtatoj/ 9. prosperi: esti en kontentiga sukcesa stato/ 10. mini: eligi el la tero utilajn mineralojn k.t.p./ 11. fabriko por metal'produktado/ 12. al-bord'ejo/ 13. grafo: titolo de altrangulo/ 14. princo: ano de reĝa familio; episkopo: alt-ranga religiulo/ 15. imperio: granda regno, kiu en-tenas plurajn popolojn/ 16. sin-levo kontraŭ iu/ 17. grand'pova/ 18. aro da artistoj, kiuj havas la saman celadon kaj idearon/ 19. kastelo: belega granda domo.



# MAGIAJ[1] VORTOJ

En ĉiu lingvo, ekzistas vortoj, kiuj havas la saman formon, se oni legas ilin de dekstre, kiel ordinare, aŭ de maldekstre. Ankaŭ la Internacia Lingvo havas tiajn vortojn. Jen estas kelkaj el ili:

*ORO, NUN, UNU, IRI, SES*

Ekzistas eĉ pli longaj, kiel:

*SAVAS, NOMON, SIDIS, SONOS k. t p.*

Alia grupo de magiaj vortoj estas tiuj, kiuj havas novan sencon, kiam oni legas ilin en inversa[2] direkto. Legu, ekzemple, la sekvajn vortojn en ambaŭ direktoj:

*EN, ARKA, AMAS, ONI*

La tasko venas el la ekzemploj. Serĉu similajn du-vizaĝajn vortojn, kaj sendu ilin al la redaktisto ĝis la 31-a marto 1981. Por dek vortoj, vi ricevos sen-pagan ekzempleron[3] de JUNA AMIKO. Adreso: *G. Kurucz,* Hitel u. 10. fszt. 16., H-6000 KECSKEMÉT, *Hungario.*

1. magia: ekster-ordinara; mir'iga/ 2. kontraŭa al alia en direkto, ekzemple/ 3. unu pecon.

## VORTOJ DE ZAMENHOF

*„Vi vidas sekve, ke la est'onta kongreso tute ne povas elekti ian alian lingvon krom lingvo arta. Elekti ian lingvon naturan, kiam ni havas la eblon elekti lingvon artan, kiu havas antaŭ la lingvoj naturaj, en ĉiuj rilatoj, sen-duban kaj okul'vid'eblan grandegan pli-bon'econ, estas tia sama malsaĝ'aĵo, kiel ekzemple sendi ion el Parizo Peterburgon per ĉevaloj, kiam ni havas la eblecon fari tion ĉi per fer'vojo. Nenia kongreso povas fari tian elekton; sed se ni eĉ supozus, ke la kongreso ... tamen faros tian absurdan[1] elekton, tiu ĉi elekto ... restos malviva litero kaj, en la vivo, la demando pri lingvo internacia fakte restos ne-solv'ita tiel longe, ĝis pli aŭ malpli frue, kolektiĝos nova kongreso, kaj elektos lingvon artan."*

*„Tiel ni petas vin, noti al vi en la memoro ... : lingvo internacia de la ven'ontaj generacioj[2] estos sole kaj nepre nur lingvo arta."*

*El „Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia", (1900)*

1. kontraŭa al la saĝo/ 2. generacio: poste-ul'aro.

# Reĝo anaso kaj reĝo rimeno-ŝuo[1] en kaserolo-urbo[2]

BULGARA POPOLA FABELO

Foje, Petro la Ruza pelis leporon[3] en arbaro. La leporo kuris pli kaj pli internen, sed Petro la Ruza restis ĉiam sur ĝiaj post-signoj. Fin'fine, la leporo al-venis al lago, volis transsalti ĝin, sed en-falis kaj sufokiĝis[4]. Petro la Ruza iĝis

tre malĝoja. Li ĉirkaŭ-rigardis kaj vidis, ke li estas en la plej meza mezo de la arbaro. Kiel trovi vojon por el-iri?

Li ek-iris laŭ-hazarde. Li pensis, ke li eble trovos domon por tra-nokti, kaj ke li povos iri hejmen en la sekva tago. Li iris, iradis, ĝis li trovis sol'ecan domon.

En la domo estis virino.

„Dio donu al vi bonan tagon!", li salutis ŝin ĝentile.

„Bonan tagon ankaŭ al vi!", diris la virino. „Kion mi povus fari por vi?"

„Mi perdis la vojon en la arbaro", diris Petro la Ruza. „Mi petus dum-noktan rest'ad'ejon, se vi kompatus min."

„Ankaŭ por vi estas loko", respondis la virino. Mia edzo baldaŭ venos hejmen de la kamparo. Ĝis tiam, sidadu sur la benko antaŭ la domo; mi havas multan laboron."

Petro la Ruza ek-sidis sur la benko kaj atendis. Baldaŭ li flaris[6] palato-karesajn[7] odorojn, en-rigardis en la domon, kaj li vidis, ke ege granda anaso estas kuir'ata en la kaserolo.

„Estos bonega vesper'manĝo", li pensis, kaj lekis[7] al si la lipojn. Dume, la anas'aĵo iĝis manĝo-preta. La virino metis la kaserolon en angulon de la kuirejo, kaj ŝi kovris ĝin per fermo-plato.

„Certe, ŝi kovris ĝin, por ke ĝi restu varma", opiniis Petro la Ruza.

La mastro al-venis de la kamparo. Ili salutis unu la alian kaj al-tabl'iĝis. La dommastrino



metis sur la tablon cepon[8] kaj panon. Petro la Ruza miregis, ke la dommastrino komencas la bon'gustan vespermanĝon per cepo.

Subite, la virino ek-parolis: Sciu, edzo mia, ke mi ne havis tempon por kuiri vespermanĝon; tial ni devas kontentiĝi per cepo."

La dommanstro ne respondis. Sed Petro la Ruza komprenis, ke la virino kaŝis la anasaĵon. Li diris nenion; li nur plumanĝis kaj iom babilis kun la geedzoj.

Post kelka tempo, ili finis la manĝon, kaj sin preparis por iri en la liton. Dum Petro la Ruza havis kuŝejon en la kuirejo apud la fajrujo, la du geedzoj iris en la dormo-ĉambron kaj, baldaŭ, ili ek-dormis.

Petro la Ruza atendis nur tion. Li kaptis la anasaĵon el la kaserolo, manĝis la du-onon, kaj kaŝis la alian duonon en sia sako. Ĉe la fajrujo, estis rimenoŝuoj, kaj li metis ilin en la kaserolon. Poste, ankaŭ li en-dormiĝis.

En la sekva tago, ĉiuj tri el-lit'iĝis, al-tabliĝis kaj matenmanĝis. La mastro demandis al Petro la Ruza:

„Kiel vivas, ĉe vi, la popolo?"

„Nun, ni vivas bone", respondis Petro la Ruza. „Ni havas urbon, kiu havas la nomon de Kaserolo-urbo. Dum la reĝo Anaso regis la urbon, unuj vivis bone, kaj la aliaj mallone; sed, de kiam, regas la reĝo Rimenoŝuo, bone vivas kaj la orfoj[9] kaj la malriĉuloj!"

La mastro ne komprenis la vortojn de la gasto.

Post matenmanĝo, Petro la Ruza dankis al la geedzoj kaj for-iris.

La virino atendis nur tion. Ŝi kuris en la domon, levis la fermoplaton kaj ek-miregis: anstataŭ anasaĵon, ŝi vidis rimenoŝuojn en la kaserolo.

Ankaŭ la mastro vidis ĉi tion, kaj li tuj komprenis, kial la fremdulo parolis pri reĝoj Anaso kaj Rimeno-ŝuo. Li kolere diris:

„Vi meritas tion! Neniam kaŝu la manĝaĵon de antaŭ la gasto!"

*Re-verkis kaj tradukis:*
*István Takács* (:takaĉ)

1. rimeno: ŝnuro el besto-haŭto/ 2. kaserolo: vazo por kuirado/ 3. malgranda long'orela ĉas'besto/ 4. sufokiĝi: morti pro manko de aero/ 5. flari: senti per la nazo/ 6. palato: plafono de la buŝa kavo; karesi: tuŝi agrable/ 7. leki: ŝovi la langon sur io/ 8. sub-tera dik'iĝ'inta parto de legomo/ 9. filo, kies gepatroj mortis.

PIEDNOTOJ de „IOM PRI LA POEZIO..."
velki: malflori/ 21. praloĝ'anto de iu loko/ 22. tribo: aro da sango-parencaj familioj/ 23. ondete; kun sulketa supraĵo/ 24. al- kaj re-fluo de maro/ 25. plor'gutoj/ 26. similaj finaĵoj de versofinoj/ 27. samsona; plata laŭ muzika efiko/ 28. trajto: karakterizaj linioj de vizaĝo.




Josef Chvoŝta:

# MONDO DE

La nombroj estas abstraktaj[1] ideoj, ĉar vidu: inter ok fiŝoj, ok arboj, ok vagonoj k. t. p. (kaj tiel plu) sole tiu *oko* estas la sama.

La nombroj evoluis. La pra-homo konis nur du nombrojn: *unu* kaj *multe*. Poste, oni komencis diferencigi, ĝis oni venis al la nombroj kaj iliaj internaciaj signoj en la nuna stato: realaj[2] (do entjeraj[3]) kaj onaj nombroj; iracionalaj[4] (imaginaraj) algebraj[5] nombroj; matematikaj operacioj[6].

La matematiko estas scienco, kiu iĝas bazo por aliaj sciencaj fakoj. Iu filozofo[7] diris: ĉiu scienca fako estas tiom scienca, kiom da matematiko ĝi en-havas. Kompreneble, unu-opaj fakoj ne uzas la tutan matematikan aparaton[8]; ili bezonas, por siaj celoj, nur certan branĉon de la matematiko.

La matematiko ebligas sciencan planadon kaj eksperimentadon[9], ekzistas eĉ *„matematikaj modeloj"*, kiuj helpas studi certajn est'ontajn fenomenojn[10]. En kelkaj scienco-branĉoj, matematikaj operacioj ofte estas necesaj en granda kvanto. Tie, montriĝas tre utilaj la kalkul'maŝinoj kaj komputeroj, kiuj ebligas milojn da operacioj en unu sekundo[11]. Tia rapidega el-kalkulo de miloj da operacioj estas necesa, ekzemple, en la meteologio[12].

La franco *Blaise Pascal* (:bles paskal) el-pensis la unuan mekanismon[13], kiu ebligis adicii[6] kaj subtrahi[6]. La germano *Gott-*

*fried Wilhelm Leibnitz* pli-perfekt'igis ĝin por ĉiuj kvar aritmatikaj operacioj. En la pas'inta jar'cento, oni kun-igis tiun mekanismon kun skrib'maŝino. *Hermann Hollerith,* en Usono, venis al la ideo uzi kartojn (kun kolonoj de numeroj) kaj fari truojn en ili, laŭ difin'itaj reguloj, por tiel pli-rapid'igi la kalkuladon. Liaj maŝinoj jam kapablis rapide klasigi truitajn kartojn.

La perfekt'ig'itaj kalkulmaŝinoj kapablas ankoraŭ pli multe. Ili plenumas agojn, ŝajne ne matematikajn, se oni preparas specialan programon. En tiu okazo, oni ĉesas paroli pri kalkulmaŝinoj; oni parolas pri komputeroj. La unuaj komputeroj uzis la decimalan (dek-opan) sistemon[14] (ili bezonis 10 ciferojn), la modernaj trans-iris al la binara (du-opa) sistemo, kie la nombroj de 1 ĝis 10 aspektas jene:

*1 10 11 100 101 110 111 1000 1001 1010*

La unua generacio[15] de la komputeroj okupis tutan domegon; la dua generacio kaj precipe la tria jam estas portebla en poŝo.

Nun-tempe, la nombroj ludas pli kaj pli gravan rolon. Tie, kie ne ekzistas nombroj, oni elpensas kodojn[16], por ebligi pli facilan kaj pli rapidan orientiĝon. La matematiko ĉiam pli kaj pli penetras en nian ĉiu-tagan vivon; ĝi preskaŭ iĝas nia vivo mem.

## NOMBROJ KAJ NUMEROJ



1. abstrakta: el-pens'ita kaj ne-reala/ 2. reala (en matematiko): ĉiu el la efektivaj nombroj/ 3. entjero: ĉiuj nombroj sen onoj/ 4. ne realaj/ 5. algebra nombro: abstrakta nombro, signita per litero/ 6. matematika operacio: aŭ adicio (2+3), aŭ subtraho (3—2), aŭ multipliko (2·3) k.t.p./ 7. scienculo pri la plej ĝeneralaj reguloj de la naturo kaj socio/ 8. ĉi tie: ĉiujn eblecojn/ 9. eksperimento: scienca provo/ 10. fenomeno: aperaĵo/ 11. 60-ono de minuto/ 12. scienco pri la vetero/ 13. malsimpla maŝino aŭ ilo/ 14. ord'ig'ita aro/ 15. aro da pli-malpli sam'aĝaj homoj; ĉi tie: komputeroj/ 16. numero, kiu anstataŭas iun aferon aŭ ideon k.t.p.




# Universala[1] lingvo de bestoj

Kiel parolas bestoj en via lando?

Amiko *Takizaŭa*, japana studento[2], kolektis helpe de siaj amikoj, kriojn de bestoj el la landoj *japana, sud'ĉina, korea, angla, hungara, hebrea, serbo-kroata, pola, ĉeĥa,* kaj *Esperanto:*

Jen kelkaj el ili:

| | japana | hungara | angla | Esperanto |
|---|---|---|---|---|
| KATO: | *njao* | *njau* | *miau* | *miaŭ* |
| HUNDO: | *ŭan* | *hau* | *bau* | *vaŭ* |
| PORKO: | *bu* | *roef* | *ojnk* | *grunt* |
| ĈEVALO: | *hihin* | *njihaha* | *nej* | *hen* |
| KOKO: | *kokekokko* | *kukuriku* | *kakadudlu* | *kokeriko* |
| RANO: | *gero* | *kvak* | *ribbit* | *kvak* |
| KORVO: | *ka* | *kar* | *ko* | *aŭ* |

El „*La Revuo Orienta*" Mallongigis: *Okumura-Rinzo*

Ĉu vi partoprenus en la riĉigo de la listo[3]? Se jes, bon'volu sciigi al ni, kiel parolas en via lando: kokino, muso, ŝafo, kapro, bovo, anaso, ansero kaj kukolo. Sendu iliajn kriojn sur poŝtkarto al la redaktisto: s-ro *G. Kurucz*/ Hitel u. 10. fszt. 16./ H-6000 KECSKEMÉT/ *Hungario.* Ni publikigos vian kontribuaĵon en la aprila numero de *Juna Amiko.*

1. tut'monda/ 2. lernanto en alt'lernejo aŭ universitato/ 3. vortoj en ord'ig'ita vico.

# Divenu, kio mankas!

Kiel en la naciaj lingvoj, tiel ankaŭ en Esperanto, oni uzas amason da vort'kun-metoj. Rigardu la ĉi-subajn du ekzemplojn kaj, poste, provu mem diveni la mank'antan parton!



*SUN* — *radio*, *frapo*, *floro*

*kapo*, *antaŭ*, *tablo* — *TUKO*

Kiel vi vidas, mankas jen la komenca, jen la fina vort'elemento.

*manĝo-, tru-, bild-*
*poŝt-, brul-, akvo-*
*son-, salto-, cel-*
*lakto-, vivo-, fer-*
*infan-, frukto-, vinber-*
*flor-, miks-, kuir-*

*sorto-, morto-, kor-*
*son-, sun-, cifer-*
*fum-, kamen-, son-*
*nom-, naskiĝ-, super-*
*pajlo-, ran-, neĝo-*
*rad-, orel-, jar-*

*-tremo, -pomo, -globo*
*-falo, -dukto, -pilko*
*-kostumo, -sezono, -ubro*
*-libro, -cento, -ŝanĝo*
*-amiko, -portisto, -kesto*

*-haroj, -ĉeno, -tuko*
*-arko, -iro, -lando*
*-gazeto, -horloĝo, -tapiŝo*
*-laboristo, -mezo, -manĝo*
*-tubo, -veziko, -kastelo*

*Vi trovas la solvojn sur la 39-a paĝo!*

## ANEKDOTOJ



MARK TWAIN (:tvejn)

*Mark Twain, la kon'ata Amerika humuristo, iam vizitis pentriston. La artisto gvidis lin al la laborejo, por montri siajn verkojn. Unu bildo, kiu ankoraŭ ne estis preta, tre interesis la humuriston. Ĉar li ne sciis, ĉu la artisto pentris ĝin sur lignon aŭ tolon, li tuŝis ĝin per fingro.*

*„Atentu, amiko!", kriis la pentristo timo-plene. „Kion vi faras? La farbo*[1] *estas ankoraŭ malseka!"*

*„Ne gravas", respondis Mark Twain tute kviete. „Mia ganto*[2] *jam estas malnova."*

El *„La Juna Vivo"* (1940)

1. kolor'ig'ilo/ 2. vesto por mano/ 3. scienco pri sciencoj/ 4. homo, kiu ne laboras, sed viv'tenas sin per donacoj de preter-pas'antoj/ 5. kapt'ita de la polico/ 6. juĝo-decido.

FILOZOFIO[3]

Petro estis mallabor'ema. Tial li iĝis almozulo[4]. Dum longa tempo, ĉio iris bone; sed, fine, li estis arest'ita[5]. Li devis aperi en juĝejo. Post la verdikto[6], la juĝisto demandis lin, ĉu li povas diri ion por defendi sin.

Ĉar Petro estis filozofo, li diris: „Kial peto de almozo estas krimo, se dono de almozo estas bon'faro?"

El „*La Juna Vivo*" (1937)

## RIĈIGU VIAN VORT'PROVIZON

En Esperanto, oni povas libere kun-meti vortojn; sed oni devas atenti pri la klara senco de la kunmet'aĵo.

De nun, ni prezentos al vi — de tempo al tempo — tiajn kunmetaĵojn. Ĉi-foje, vi trovas la vortojn kun la radiko HAVI.

*HAVAĴO*

Dum la milito, mia avo perdis sian tutan *havaĵon.*

*ENHAVO*

Vespere, mi ne vidis la tele-filmon. Rakontu al mi ĝian *enhavon!* Li parolis *sen-enhave.*

*SURHAVI*

„Kion *ŝi surhavis?*"
„Ŝi *surhavis* hel'verdan bluzon."

*SENHAVA*

La *senhav'uloj* akceptis ĉian laboron.

*HAVINDA*

Ĵus aperis *havinda* libro de Baghy (:bagi).

*HAVIGI*

Ĉu vi povus *havigi* al mi almenaŭ unu ekzempleron da tiu gazeto? Malbonaj parencoj *sen-havigis* lin.

*HAVEBLA*

Tiu varo estas *havebla* en nia vendejo.

*NE-MALHAVEBLA*

Tiu verko estas *nemalhavebla* por lingvisto.

*BON'HAVO*

Li estas *bonhav'ulo.* Lia familio posedas *bonhavon.*

*ŜTON'HAVA*

Ni iris sur *ŝtonhava* vojeto.

## interesaĵoj

### *SUB-MARAJ ERINACOJ[1]*

*Kelkaj specoj de maraj erinacoj en-glutas[2] sablon, por povi daŭre resti sur la fundo de la maro. Oni rimarkis, ke la erinacoj povas distingi[3] inter sableroj. Ili englutas nur iom pezajn sablerojn. Oni konstatis, ke ĉirkaŭ 78 procentoj[4] de la englut'itaj sableroj en-havas fer'oksidon[5] kvankam la fundo ne havas pli ol 10 procentojn da feroksida sablo. Ĝis hodiaŭ, oni ne povis trovi la sekreton de tiu distingo-kapablo.*

### SEKRETO DE LA KAMELOJ[6]

Graso, akumul'ita[7] en la ĝiboj, ebligas al la kameloj vivi, dum semajnoj, sen manĝi ion ajn. Sed kiel ili povas vivi eĉ pli longe sen akvo? Oni konstatis, ke dum la malkombin'iĝo[8] de la graso en la ĝibo, liberigas sin hidrogeno[9], kiu unu-igas sin kun la en-spir'ita oksigeno[10]; kaj, tiel, ek-estas akvo. Ĝi sufiĉas, por viv'teni la kamelojn. Simila procedo[11] estas ankaŭ ĉe la lamoj[12].

### *EL LA HISTORIO DE LA SPEGULO*

*La plej malnovaj speguloj, kiuj post-restis al ni, estis faritaj el bronzo[13] kaj arĝento. Ili de-venas el la 3-a jar'milo a.Kr.[14] Oni polurigis[15] nur unu flankon de la metalo-peco; la alian flankon oni ornamis per reliefoj[16]. Ĉe la antikvaj[17] grekoj, skulptisto faris tenilon por speguloj, kiuj kutime staris sur tablo. La Eŭropaj virinoj devis esti kontentaj pri tre malgrandaj metalaj speguloj, fiks'itaj al la zono per fadeno aŭ ĉeneto. Nur en la 13-a jar'cento aperis en Eŭropo speguloj el Venecia vitro. Ankaŭ ili estis malgrandaj ornamaĵoj, kiujn oni portis sur zonoj aŭ kol'ĉenoj. Viroj havis spegulon en la tenilo de glavo.*



1. erinaco: besteto kun longaj fortaj pikiloj sur la felo/ 2. gluti: en-igi ion el la buŝo en la stomakon/ 3. rimarki diferencon/ 4. oksido: rusto, t. e. rezulto de unu-iĝo de metalo kun oksigeno/ 5. procento: %/ 6. kamelo: granda ŝarĝebla besto en vastaj sen-akvaj regionoj/ 7. akumuli: amasigi pli ol sufiĉe; kun-igi/ 8. dis-falo de materio al konsist'igaj elementoj/ 9. elemento, gaso = H/ 10. gaso = O / 11. maniero, laŭ kiu io okazas aŭ dus-volv'iĝas/ 12. besto parenca al kameloj, viv'anta en Suda Ameriko/ 13. kun-aĵo de metaloj: Cu + Zn/ 14. antaŭ Kristo; antaŭ nia tempo-kalkulo/ 15. poluri: fari ion ebena kiel vitro de spegulo/ 16. el-stara skulptaĵo sur ebena supraĵo/ 17. pratempaj.

# KASTORA LETERO

## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Septembro venis denove kaj, por ni, en la norda du-ono de la Tero, la somero estas preskaŭ fin'ita. Ĉi tie, en Britio, mi ofte trovis, ke septembro estas unu el la plej belaj monatoj, kvankam la tagoj jam estas iom mallongaj. Parte pro tio, kaj parte por eviti la ĉefan ferio-sezonon, mi intencas preni unu-semajnan ferion ĉi-monate, sur la bela insulo Wight (:ŭajt), sude de Anglio. Inter-tempe, en mia plej apuda urbego, nome: Manĉestro, okazos speciala festo pro la 150-a dat'reveno de du interesaj aferoj. Pri ili vi povas legi ĉi-sube.*

*Antaŭ ol rakonti al vi pri tio, mi tamen volas memorigi vin pri tri aferoj, kiuj povas interesi vin:*

*Unue: Se vi ankoraŭ ne estas membro de nia klubo, kaj se vi deziras an-iĝi, aŭ se vi volas skribi al mi pri viaj spertoj, aŭ se vi emas verki artikolon por Kastora Letero, skribu al:*

*La Ĉefa Kastoro*
*3 Berwick Avenue,*
*URMSTON, Manchester,*
*Anglio, M31 1PS*

*Due: Se vi jam estas Kastoro, kaj se vi deziras havi plum'amik-(in)on, skribu al la gvidanto de nia Koresponda Servo:*

*S-ino B. Chmielewska*
*ul. Pulawska 3 m 11,*
*PL 02 515 VARSOVIO*
*Pollando*

*Trie: Se vi preferas havi 'onklon' aŭ 'onklinon' en alia lando, kiu skribu al vi en Esperanto, kaj kiu povos ankaŭ helpi vin pri la lingvo (se vi tion deziras), skribu al GEONKLOJ ESPERANTISTAJ, ĉe la adreso de la Ĉefa Kastoro (supre). Kaj nun . . .*



Antaŭ 150 jaroj — la 15-an de septembro 1830 — malfermiĝis la unua pasaĝera[1] fer'voj'stacio en la mondo, tiu de *Liverpool Road* (Liverpul-strato) en *Manĉestro,* Britio. Bedaŭrinde, tiu staci'domo antaŭ longa tempo ĉesis servi al la pasaĝeroj, kaj iĝis nura var[2]-deponejo[3] de la fervojo; sed kiam oni konsciis, antaŭ unu aŭ du jaroj, ke al-proksim'iĝas ĝia 150-a „naskiĝtago", oni komencis re-nov'igi ĝin. Kaj en septembro de la nuna jaro, oni intencas festi tiun naskiĝtagon; kaj post tio, la stacidomo iĝos fervoja muzeo.

La veturigo de vagonoj sur reloj[4] komenciĝis jam antaŭ pli ol 400 jaroj, en la mezo de la 16-a jar'cento, kiam homoj puŝis vagonojn en minejoj[5] sur lignaj reloj, ĉar tiuj pli-facil'igis la puŝadon. Poste, oni uzis bestojn por tiri la vagonojn; kaj, post la invento[6] de la vapor'motoro, oni uzis fiks'itajn vapormotorojn por tiri vagonaron per ŝnuro. Sed la komenco de la veraj fervojoj okazis, kiam *Johano Blenkinsop* sukcesis fari, en la jaro 1812, vapormotoron, kiu nem veturis sur la reloj. Tiu „lokomotivo" (=sin-mov'anta veturilo) tiris vagonojn ĉe karbo-minejo en *Leeds* (:lidz), en norda Anglio. Ĝi havis dent'radojn kaj veturis sur dent'reloj; sed *Vilhelmo Hedley* (:hedle) baldaŭ pruvis, per sia lokomotivo „Puffing Billy" (=spir'eg'anta Vilĉjo), ke glataj[7] radoj tenas firme al glataj reloj.

La plej fama pioniro[8] de lokomotivo- kaj fervojo-konstruado estis *Georgo Stephenson* (:ŝtivnson), kiu konstruis la unuan publikan fervojon en la mondo, inter la nord'anglaj urboj *Stockton* (:stokton) kaj *Darlington* (:dalinton), kiu iĝis malferm'ita en septembro 1825. Ĝi trans-portis varojn kaj pasaĝerojn; sed kvankam ĝi uzis vapor'lokomotivojn por tiri la var'vagonojn, la pasaĝer'vagonojn oni tiris per ĉevaloj!



La fervoja epoko vere komenciĝis per la malfermo de la fervojo *Liverpulo—Manĉestro*, la 15-an de septembro 1830. Tiu fervojo en-havis ĉiun karakterajôn de la modernaj publikaj fervojoj: ĝi estis publika port'anto de pasaĝeroj kaj varoj, kaj ĝi uzis lokomotivojn por la tuta trafiko. La fervoja kompanio[9] okazigis prov'konkurson en la jaro 1829, por el-trovi la plej bonan specon de lokomotivo. Tri lokomotivoj partoprenis; sed la premion facile gajnis „*Rocket*" (t. e. „raketo"), konstru'ita de *Stephenson* kune kun sia filo *Roberto* kaj kun *Henriko Booth* (:bud).

De tiam, la vaporo estis la ĉefa fervoja movilo, kaj ĉio restis tiel dum pli ol cent jaroj. „*Rocket*", plej fama el ĉiuj lokomotivoj, ankoraŭ staras, kvankam iom difekt'ita en la scienca muzeo de *Londono*.

*Georgo Stephenson* sukcesis ankaŭ konstrui la fervojon mem inter *Liverpulo* kaj *Manĉestro*, malgraŭ la fakto, ke apud *Manĉestro*, kaj rekte inter la du urbegoj, estis granda kaj profunda marĉaĵo[10], trans kiu, oni diris, estis neeble konstrui vojon. Sed *Stephenson* tiel bone sukcesis, ke ankoraŭ hodiaŭ la la vagonaroj (nun tir'ataj de dizelaj[11] lokomotivoj) regule veturas laŭ tiu fervojo, kiu tra-pasas la urbon, kie loĝas via Ĉefa Kastoro!

NIAJ PROMOCIITOJ

*Post nia lasta Kastora Letero kaj ĝis la fino de aprilo 1980 du klubanoj atingis pli altan gradon:*

*ORA KASORO FARIĜIS*

*836 Daniela MILANOVA (Bulgario)*

*BRUNA KASTORO FARIĜIS*

*1011 P. Wroblewski (Pollando)*

1. pasaĝero: vetur'anto per publika veturilo/ 2. objektoj, fabrik'itaj por vendado/ 3. loko, kie oni lasas ion dum certa tempo/ 4. longaj metalaj linioj, sur kiuj veturas vagonaroj/ 5. sub-teraj lokoj, el kiuj oni fosas karbon, metalon k.t.p./ 6. inventi: el-pensi ion novan/ 7. glata: sen el-star'aĵoj/ 8. pioniro: plej frua kaj fervora labor'anto/ 9. kompanio: ĉi tie grupo da homoj, kiuj organizas entreprenon/ 10. tre mola tero, en kiun objektoj kaj homoj povas en-profund'iĝi/ 11. uz'antaj pezan brul'oleon.

1. grand'valoraĵo/ 2. substanco: ĉiu aparta speco de materio/ 3. vegetalo: planto; kreskaĵo/ 4. ĉelo: la plej malgranda vivanta unuo/ 5. grandiga vitro-peco/ 6. grandiga ilo, por observi ĉelojn/ 7. animalo: ĉiu, kiu apartenas al familio de bestoj/ 8. organika: rilata al karbonaj kombinaĵoj/ 9. la plej granda besto en la mondo/ 10. abunda: en pli ol sufiĉa kvanto/ 11. malhel'bruna organo en la ventro apud la stomako.

# NE-VID'EBLA TREZORO[1] DE LA MAROJ

*Se oni rigardas mar'akvon, per nudaj okuloj, ĝi ŝajnas pura kaj sen-viva. Grava eraro! La marakvo en-tenas ne nur salon, sed ankaŭ aliajn gravajn kaj nutrajn substancojn*[2]*; sekve ĝi ne povas esti senviva. En ĝi, sin movas sennombra amaso da etaj estaĵoj, precipe vegetaloj*[3]*. En unu litro da marakvo, povas ekzisti multaj dek-miloj eĉ pluraj milionoj da unu-ĉelaj*[4] *vegetal'etoj.*

*Sub la lupeo*[5] *de mikroskopo*[6]*, oni malkovras novan mondon, la mondon de etaj estaĵoj. Science, ili estas nom'ataj:* p l a n k t o n o. *Oni diferencigas la vegetalan planktonon dis-de la animala*[7] *planktono.*

*Precipe utila estas la vegetala planktono, sen kiu ekzistus nenia vivo en la maroj. Ĝi estas ia-speca malgranda fabriko, kiu produktas nutraĵon el ne-organikaj*[8] *substancoj, pere de la*


















*sun'lumo. La vegetala planktono estas la fonto de ĉiuj nutraĵoj por maraj animaloj. La plej etaj animaloj nutras sin senpere per vegetala planktono kaj — kiel proverbo diras — „la pli granda fiŝo for-manĝas la malpli grandan". Eĉ la grandega baleno[9], la plej granda inter ĉiuj animaloj, devas danki, pro sia ekzisto, al la nevidebla planktono.*

*Estas do klare, ke la riĉeco de la maro de-pendas, precipe, de la kvanto da planktono, ĉar tie, kie ĝi abundas[10], tie vivas multaj fiŝoj. Precipe la nordaj maroj estas riĉaj je planktono. En tiuj regionoj, la fiŝ'kaptado donas multan ĉasaĵon.*

*Unu el la ĉefaj nutro-produktoj de la etaj vegetaletoj estas la grasaj oleecaj substancoj, kiujn akceptas ankaŭ la maraj animaloj, ĉu senpere, ĉu pere de aliaj fiŝetoj. La hepato[11] de iuj mar'fiŝoj entenas abunde tiun oleon kaj, pro tio, oni nomas ĝin „fiŝ'oleo". Ĝi estas kon'ata pro sia saniga povo, pro la abundo de vitaminoj.*

Laŭ la libro de Petar Giunio
„Sekretoj de la mar'estaĵoj"

## Ferenc Szilágyi (:siladji)

# TRE MODERNA FABELO

Tiun ĉi ekster-ordinaran kaj freŝ'datan fabelon mi nur peras, trans-iĝ'ante la respondecon al mia tre fid'inda amiko — ni nomu lin Sen Dubo — kiu, la unuan fojon, rakontis ĝin ĉe blanka tablo, kie ne mankis glasoj.

„Aŭdu nur", diris Sen. „Mia amiko, Ripsrops, veturis antaŭ nelonge per sia beleta ĉaro[1], vi scias, tiu „Mercedes", inter Arhangelsk kaj Kopenhago sur la ŝoseo[2]. Sed li jam ne estis malproksime de Kopenhago, kiam ĉe benzin'puto[3], kie li aĉetis hejt'materialon kaj kie, dum la agado de la benzinulo, li iom promenis. Subite, li aŭdis voĉon sub si:

„Sinjoro Ripsrops, sinjoro, bon'volu atendi. . ."

Ripsrops rigardis malsupren kaj vidis ranon[4], rul'iĝ'antan al li. Li ne estas speciala ŝat'anto de ranoj, sed io kaptis lin en la afero.

„Ĉu *mi* komprenas rane? Kaj ĉu vi povas paroli? Ĉu vi konas min?"

La rano respondis:

„Jes, kara sinjoro Ripsrops, mi povas paroli; sed mi ne parolas rane, sed dane. Mi petas vin, sinjoro Ripsrops... Mi frostas. Metu min en vian poŝon! Ĉu mi rajtas kun-veturi al Kopenhago? Por bon'faro vi ricevos bonon!"

Ripsrops tre miris, precipe, ke la rano frostas, kiam estas varme; sed rano estas rano, kaj ĉar la pet'ita varmo ne kostos al li el-spezojn, li metis la ranon en sian poŝon. Kion vi diras? Jes... Jes, li estis sobra[5] kiel mi.

Iom post iom, la rano iĝis hejmeca ĉe Ripsrops. Ĝi petis eĉ manĝon kaj iom da akvo, kiujn Ripsrops, kiu konsideris la ranon cetere tre modesta, donis al sia kun-vojaĝ'anto. Tiel, ili al-venis vespere al la metropolo[6], eĉ al la loĝejo de Ripsrops, ĉar la rano petis ripoz'lokon. Ripsrops malfermis la pordon de sia loĝejo; kaj, tiam, la rano denove ek-parolis:

„Kara sinjoro Ripsrops, mi estas dormema. Ĉu mi rajtus dormi en tiu lito?"



1. aŭtomobilo/ 2. ĉef-vojo/ 3. benzino: hejt'materialo por aŭtomobiloj/ 4. malgranda salt'anta besteto, kiu loĝas ĉe bordo de lagoj, kaj kiu „kvakas"/ 5. malebria/ 6. urbego/ 7. mediti: profunde pensi/ 8. provizi: sur-havi; posedi/ 9. speco de ŝtono peza kaj valora/ 10. interrompo de parolo aŭ alia ago/ 11. ŝvebi: malrapide leviĝi; flug'pendi/ 12. ferioj: liber'tempo.

Ripsrops ek-meditis[7]. Estis la unua fojo, ke iu fremdulo volis dormi en ilia familia lito, sed efektive, sinjorino Ripsrops estis for, kaj tiu ĉi mirinda rano estis tiel dormema. Li metis la ranon en la apudan liton, kaj de-metis sian jakon, kaj komencis pretigi sin por la nokta trakvilo. Li volis jam mallum'igi, kiam li alrigardis la apudan liton, kaj tiam li rimarkis, ke el la stranga rano fariĝis belega reĝ'idino, kiu supozeble apenaŭ estis provizita[8] per nokto-vestoj. Lia rigardo ek-glitis sur la marmoraj[9] ŝultroj de la reĝidino. Ripsrops tute teruriĝis. Li frotis la okulojn. La reĝidino al-rigardis lin kaj diris:

„Ri-i-ipĉjo!"

Sen Dubo, t. e. la rakont'anto, nun faris longan paŭzon[10], kaj sekvis iom malcerte la ŝvebon[11] de la cigareda fumo.

Mi urĝigis:

„Nu, kiel estis poste?"

Sen Dubo alrigardis min kaj diris:

„Ĉu vi vere kredas tiun ĉi historion?"

„Kredi? Tute ne. Kial mi kredu?"

„Nu ankaŭ sinjorino Ripsrops, kiu tiu-momente re-venis neatend'ite el sia feriado[12] en Polinezio kaj malfermis la pordon de la dormo-ĉambro, ne kredis ĝin. Eĉ ne unu vorton..."

El la revuo *„Norda Prismo"*

## ŜERCAJ DIFINOJ

*AŬTOMOBILO: maŝino, kiu unue rapide likvidis[1] la ĉevalojn, kaj nun malrapide likvidas la homojn.*
*OPTIMISTO: homo, kiu ridas por forgesi.*
*PESIMISTO: homo, kiu forgesis ridi.*

1. for-igis.

**AL CIU NIA LEGANTO DEZIRAS**

***FELICAN NOVAN JARON 1981***

**LA REDAKCIO**

# PAĜO DE KOMENCANTOJ

„Venu! Ni ludu futbalon!"
„*Tiu* ludo ne interesas nin."
„*Ĝi* estas ludo por knaboj."

„Vi pravas. Ni ludos, kaj vi rigardos *ĝin*."
„Ni ne rigardos. *Ĝi* estas malbela sporto."
„Ne aŭskultu *tion*! Venu, knaboj!"













„Kiu ŝotis[1] la golon[2]?"
„*Tiu*."

„Ĉu *tio* estis golo?"
*Ĝi* ne estas valida, laŭ *tiuj*, kiuj ricevis *ĝin*

RIMARKOJ:
*Tiu* ludo . . . (nome: la *futbala* ludo) *Ĝi* estas . . . (t. e. *la futbalo* estas . . .)
. . .vi rigardos *ĝin* (= *la futbalon*)
Ne aŭskultu *tion* (t. e. *ke la futbalo estas malbela sporto*)
*Tiu* (= *la persono*, al kiu iu montras per fingro)
Ĉu *tio* estis golo? (nome: tio, *kion ni vidis*)
*Ĝi* ne estas . . . (= *la golo*) laŭ *tiuj* (= *personoj*)
. . .ricevis *ĝin* (= *la golon*)

1. pied'bati pilkon/ 2. gajno-unuo en futbalo.

# GLACIA HOKEO[1]

La sporta jaro parte finiĝis, ali'parte komenciĝis per la tiel nom'ataj vintraj sportoj. Al ili apartenas la sporto, kiun oni nomas vira, la plej rapida kaj batalo-plena. Temas pri la glacia hokeo.



La glacia hokeo de-venas el *Kanado*. Populara[2] historieto rakontas pri tiu ĉi sporto, ke elpensis ĝin soldatoj en la Kanada urbo *Kingston;* kiuj, pro enuo[3], komencis ŝovi skatolon per balailoj[4] sur glacio-kovr'ita lago. Tiel ek-estis la moderna glacia hokeo. Sed tio ŝajnas esti pli legendo[5] ol vero.

En la fino de la pas'inta jarcento, oni „importis[6]" ĝin al Eŭropo. Kiam Kanadanoj komencis ludi hokeon kontraŭ Eŭropaj teamoj[7], la Kanadanoj atingis tiom da goloj[8], kiom ili deziris. Interesa estas, ekzemple, rezulto el la jaro 1924, kiam *Kanado* venkis *Ĉehoslovakion:* 30—0! Hodiaŭ, tiaj rezultoj estas preskaŭ neeblaj.

En Eŭropo tiu ĉi sporto-branĉo



pli-bon'iĝis tiom, ke oni eĉ superis la Kanadanojn. Dum la lastaj 15 jaroj, nur *Ĉeĥoslovakio* kaj *Sovetunio* gajnis la titolon de monda ĉampiono[9].

Tridek unu landoj estas membroj de la *Internacia Glaci'hokea Ligo*. Bedaŭrinde, ekzistas nur kelkaj landoj, en kiuj oni ludas glacian hokeon sur alta nivelo[10]. Tial, nur la ok plej bonaj teamoj batalas ĉiu-jare, por akiri la titolon de monda ĉampiono. La aliaj landaj teamoj ludas en grupoj *B* kaj *C*, por akiri lokon inter la plej bonaj.

Kulmino[11] de ĉiu sporto-branĉo estas la monda ĉampionado. En la jaro 1981, ĝi okazos en *Svedio*. Ĝis nun, la titolon de monda ĉampiono akiris: Kanado 19 fojojn, *Sovetunio* 15 fojojn, *Ĉeĥoslovakio* 5 fojojn, *Svedio* 3 fojojn, *Usono* 2 fojojn kaj *Anglio* 1 fojon. Kaj kiu estos la nova ĉampiono?

La jenaj landoj renkontiĝos en Svedio en la grupo *A*: *Ĉeĥoslovakio, Finnlando, FR Germanio, Kanado, Nederlando, Sovetunio, Svedio* kaj *Usono*. Laŭ la rezultoj de la antaŭaj jaroj, al la ĉefaj kandidatoj[12] pri la titolo de monda ĉampiono apartenas Sovetunio kaj Ĉeĥoslovakio. Sed kiel en ĉiuj aliaj sporto-branĉoj, ankaŭ ĉe la glacia hokeo, povas okazi surprizoj[13].

Same interesaj estas la matĉoj[14] de tiuj, kiuj devas lukti por konservi sian lokon en la grupo *A*. Tamen, unu el ili devas transdoni sian lokon al tiu teamo, kiu venkas en la grupo *B*.

*Dieter Berndt*



1. sporta ludo sur glacio/ 2. vaste kon'ata/ 3. malagrabla humoro pro neniofarado/ 4. simpla ilo, por purigi plankon de ĉambro/ 5. rakonto pri malnovaj okazaĵoj/ 6. en-porti en landon el alia lando/ 7. grupo da sportaj lud'antoj/ 8. gajno-unuo en sporta ludo/ 9. venk'into en sporto-konkurso/ 10. ĉi tie: tre bone/ 11. pinto de iu agado/ 12. tiu, kiu volas havi titolon/ 13. tio, kion oni ne atendis/ 14. matĉo: sporta ludo.

maandelijks tijdschrift. verantwoordelijke uitgever: g. maertens, prins leopoldstraat 51, b-8310 brugge

**1980 junio**

**73-a jaro**

**n-ro 894(6)**

aperas monate (escepte de aŭgusto) ISSN 0014-0635

**universala esperanto-asocio (en konsultaj rilatoj kun unesko)**
**nieuwe binnenweg 176 — 3015 bj rotterdam — nederlando**

PREMIÈRE ANNÉE — N° 1 | Le Numéro : 10 CENTIMES | DIMANCHE 18 JUIN 1905

★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION : M. Paul BERTHELOT, CÉRET (Pyr.-Or.) France

ABONNEMENTS : 21 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier

PUBLICITÉ-ANNONCES : AGENT GÉNÉRAL M. EMILE GASSE, 71, rue Michelet, LE HAVRE (Seine Inférieure)

RÉDACTION : M. Ch. LAMBERT, 10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or)

# JUBILEAS[1]

*La 18-an de junio ni denove venis al grava jubileo. Antaŭ 75 jaroj, en 1905 aperis la unua numero de la revuo „Esperanto", centra pres'organo de la Universala[2] Esperanto-Asocio[3] (UEA). Ĉi-supre, vi vidas la titolojn de la nuna kaj de la tiama unua numero.*

*En 1905, la revuo konsistis el du paĝoj en Esperanto, kaj du paĝoj en la franca lingvo. La revuo estis fond'ita de Paul Berthelot. Post du jaroj, Hector Hodler (vidu la artikolon de Juna Amiko, n-ro 10, 12-a paĝo; 1977) iĝis ĝia redaktisto, kaj restis en tiu funkcio ĝis sia*

*morto en 1920. Li esperant'igis la tutan revuon kaj donis al ĝi veran esperantisman karakteron.*

*Dum sia 75-jara ekzisto, la ekstero de „Esperanto" plur'foje ŝanĝiĝis (vidu la titol'paĝojn sur la suba foto), sed ĝi konstante restis nia ĉefa pri-movada informilo kaj ligilo de la tutmonda esperantistaro.*

*La nuna redaktisto de „Esperanto" (aperas 11-foje en jaro) estas Simo Milojeviĉ. La revuo informas siajn leg'antojn (en 92 landoj) pri la plej gravaj aktualaĵoj[4] de nia movado. Celkonscia esperantisto ne povas ekzisti sen „Esperanto".*

*Se vi trovas jam nur kelkajn lingvajn problemojn en Juna Amiko, ni rekomendas: abonu al „Esperanto"! Abon'prezo por unu jaro: 33 guldenoj[5]. Adreso: UEA/ Nieuwe Binnenweg 176/ 3015 BJ Rotterdam/ Nederlando.*

1. festas okaze de dat're-veno/ 2. tut'monda/ 3. grava organizaĵo/ 4. aktuala: nun-tempa; moderna/ 5. Nederlanda mon'unuo.



# KANTU!

## LA VINTRO JAM FOR-PASIS

Flandra popola kanto el la mezepoko
Tradukis: *J. v. Schoor*

*Dolĉe kaj trankvile*

La vintro jam for-pa-sis, Al-venas nun la maj': La
flo-roj re-a pe-ras, En mi-a kor' la gaj'. Res-
ta-do es-tas ĝu-o Sur monto kaj en val'. La
bir-doj kan-ta-das ti-e, Kaj ankaŭ la najtingal'.

*La majon mi nun volas,*
*festadi laŭ kutim';*
*kaj ĵuri fidelecon*
*al mia amatin'.*

*Kaj peti, ke ŝi venu*
*al sia fenestret';*
*kaj kisojn akceptu miajn*
*kun mia flor'buked'.*

LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289,
290 01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!




O Nia fidela leg'anto kaj kontribu'anto[2] X. Y. sendis al ni raporton[3] pri sporta semajno. Sed ni konstatis: la raporto havas erarojn kaj mis-aĵojn; eĉ se X. Y. skribis, ke la konkursoj okazis laŭ la reguloj.

Legu la raporton, kaj helpu trovi la malĝust'aĵojn!

*„Ĉiuj klasoj de nia lernejo partoprenis en la sporta semajno. Lunde, okazis ĉampioneco[4] en futbalo[5]. Laŭ la reguloj, du teamoj[6] kun po 6 anoj celis atingi golojn[7] en la korboj. Ĉampiono de la lernejo iĝis la klaso 8/b. Samtempe, du-opoj kaj kvar-opoj ludis tablo-tenison[8]. X. Y. iĝis ĉampiono. Li gajnis en la lasta ludo 15 poentojn[9] kontraŭ 13 (15—13). Kun sia amikino, li venkis ankaŭ en la kvaropoj. La rezulto de la lasta ludo estis: 21—20. Marde, Fred, la klas'amiko de X. Y. transsaltis longecon de 13 metroj, Paŭlo transsaltis altecon de 3 metroj. En ŝak'ludo, X. Y. matis[10] la reĝon de la kontraŭulo per reĝo kaj kavaliro[11]. Merkrede, estis ĉampioneco de flugopilko. La klaso 8/a gajnis super la klaso 8/b per 4 poentoj. La rezulto de la lasta ludo estis: 10—6. La teamo de 8/a havis 4 knabojn kaj 4 knabinojn; tiu de 8/b havis 5 knabojn kaj 3 knabinojn".*

*„La ĵaŭda ĉampioneco de hokeo[12] sur glacio estis tre streĉa, kaj oni trafis la golejon per la pilko ne malpli ol cent fojojn. Vendrede, oni okazigis la ĉampionecon de golfo[13]. La lud'antoj faligis keglojn[14] per ligna globo. Posttag'meze, en man'batalo, Fred trafis sian kontraŭulon per sago[15], kaj li venis al la unua loko."*

1. parto aŭ angulo en gazeto/ 2. kontribui: al-porti sian parton al komuna afero/ 3. raporti: doni pri-skribon pri okazaĵo por gazeto/ 4. ĉampiono: homo, kiu akiris la unuan lokon en sporta konkurso/ 5. pied'pilko/ 6. teamo: aro da kun-lud'antoj (en futbalo: 11 personoj)/ 7. golo: parta rezulto en iuj sportaj ludoj/ 8. ludo, en kiu oni re-batas la pilkon per frapilo/ 9. poento: unuo de valoro ĉe ludoj/ 10. mati: meti en ne-el-ir'eblan staton (en ŝak'ludo)/ 11. ĉi tie: ŝak'peco, kiu sin movas oblikve/ 12. ludo, en kiu oni pelas disketon sur glacio/ 13. sur-kampa ludo, dum kiu oni provas ruligi globojn en truojn/ 14. lignaj kolon'etoj star'ig'itaj kaj fal'ig'otaj/ 15. pinta kaj rekta ligno-peco, kiun oni for-pafas per arko/ 16. streki: fari linion per skribilo.

Kie do X. Y. mensogas aŭ eraras? Skribu kaj klarigu vian opinion!

O Ludo de KJA/2 (Gajaj Humuruloj, Berlin, GDR): Konstruu vortojn per literoj el, ekzemple, AMIKECO kaj RAPID'VAGONARO! Ĉiu skribu, do tiom da vortoj per literoj el ĉi tiuj vortoj, kiom estas ebla. Oni povas uzi iujn literojn kelka-foje. Post certa tempo (10 aŭ 20 minutoj), oni finu kaj legu la vortojn! Vortoj, kiuj troviĝas ĉe pluraj lud'antoj, oni kalkulu du-one. Gajnas tiu, kiu skribis plej multajn vortojn. Ekzemplo el AMIKECO: *ami, amo, kiam, mia, eco, kia, kio, amiko, kie, cimo, mi, ke* k. t.p. El RAPIDVAGONARO: *rido, grava, ido, do, rava, ravi, vaporo, rado, ridi* k. t. p. Vortoj, kiuj en-havas fremdajn literojn, ekzemple *amara* (el 'amikeco') aŭ leg*o*mo (el 'rapidvagonaro') estas for-strek'endaj[16] ĉar ne-validaj.



## enigmo

1. memoriga kolono.






*Sur la fotoj, vi vidas tri kon'atajn konstruaĵojn kaj unu monumenton*[1]. *Ĉiu el ili apartenas al alia lando. Nomu la landojn, en kiuj ili troviĝas! Sendu la solvon al la redaktisto (adreso sur la 39-a paĝo) antaŭ la 1-a de marto 1981! Premio: jar'abono al Juna Amiko.*

# JEAN DUBUFFET

*„La arto celas la menson, ne la okulojn..."*
*„La arto estas lingvo: rimedo de re-kono kaj de komunikado."*

# TRA NIA HISTORIO trovu la gustan vojon!

| | |
|---|---|
| 1. En kiu jaro naskiĝis Zamenhof?<br>*1. 1852* *2. 1859* *X. 1887* | |
| 2. Kio estis Zamenhof laŭ profesio?<br>*1. kuracisto* *2. instruisto* *X. inĝeniero* | |
| 3. En septembro de 1889 aperis la unua gazeto en Esperanto. Kio estis ĝia titolo?<br>*1. Mondlingvisto* *2. Lingvo Internacia* *X. Esperantisto* | |
| 4. Kiom da esperantistoj, proksimume, partoprenis en la unua kongreso, en 1905?<br>*1. 500* *2. 700* *X. 1000* | |
| 5. Kiam estis fond'ita la Akademio de Esperanto?<br>*1. 1905* *2. 1908* *X. 1929* | |
| 6. Kiu estis la fond'into de UEA (en 1908)?<br>*1. H. Hodler* *2. Th. Cart* *X. Beaufront* | |
| 7. Kion signifas la siglo SAT?<br>*1. Sporta Aŭtomobilista Terminaro* *2. Slovaka Aŭtuna Tendaro* *X. Sennacieca Asocio Tutmonda* | |
| 8. En 1938 estis fondita la Tutmonda Junulara Organizo (TJO). En kiu lando?<br>*1. Francio* *2. Nederlando* *X. Anglio* | |
| 9. Kiam UNESKO akceptis rezolucion, favoran al Esperanto?<br>*1. 1954* *2. 1962* *X. 1978* | |
| 10. Kiam aperis la unua numero de Juna Omiko?<br>*1. 1972* *2. 1973* *X. 1974* | |

Sendu vian solvon (nur la ciferojn laŭ-vice) al la adreso de la redaktisto (sur la 39-a paĝo!). Ni premios plen'trafulojn per jar'abono al Juna Amiko. Lim'dato: 1-3-1981.

○ 17-jara litova fraŭlino volas korespondi kun samaĝuloj. Ŝin interesas moderna muziko. Skribu al: *Vilutyte Jolita*, str. Architektu 160-79, SU-232049 VILNIUS, *USSR*.

○ 16 ĝis 18-jaraj gejunuloj volas korespondi kun samaĝuloj el la tuta mondo. Skribu al ilia instruisto: *Vladimir Belajev*, p. k. 29. SU-357600 ESSENTUKI, *USSR*.

○ 10-jara lernantino serĉas leteramikojn. Ŝi kolektas poŝtmarkojn kun bestoj. Adreso: *Kathrin Schaller*, Rigaerstr. 11/121, DDR-252 ROSTOCK 22, *DR Germanio*.

○ Gejunuloj de latva Esperanto-rondeto atendas viajn leterojn. *Esperanto-Rondeto „La Ondo"*, str. Stacijas 8-1, SU-229910 VENTSPILS, *USSR*.




○ 14-jara knabo deziras korespondi pri diversaj temoj kun la tuta mondo. Skribu al *Aleksandr Ivanov*, str. Krasnij Putj, d. 139 „A"/24, SU-644066 OMSK, *USSR*.

*SOLVO DE LA ENIGMO (n-ro 18):*

*„Neniu rozo sen dorno, neniu prozo sen dormo" (R. Schwartz)*

*SOLVO DE „Divenu, kio mankas!" (19-a paĝo):*

*manĝokarto, trukarto, bildkarto/ poŝtmarko, brulmarko, akvomarko/ sontabulo, saltotabulo, celtabulo/ laktovojo, vivovojo, fervojo/ infanĝardeno, fruktoĝardeno, vinberĝardeno/ florpoto, mikspoto, kuirpoto/ sortobato, mortobato, korbato/ sondisko, sundisko, ciferdisko/ fumtubo, kamentubo, sontubo/ nomtago, naskiĝtago, supertago/ pajlohomo, ranhomo, neĝohomo/ radringo, orelringo, jarringo.*

*tertremo, terpomo, terglobo/ akvofalo, akvodukto, akvopilko/ bankostumo, bansezono, banurbo/ jarlibro, jarcento, jarŝanĝo/ leteramiko, leterportisto, leterkesto/ kolharoj, kolĉeno, koltuko/ ĉielarko, ĉieliro, ĉiellando/ murgazeto, murhorloĝo, murtapiŝo/ taglaboristo, tagmezo, tagmanĝo/ aertubo, aerveziko, aerkastelo.*

JUNA AMIKO

Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193.). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ (Hitel u. 10. fszt. 16., H—6000 Kecskemét). Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *Y. Brion* (Francio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *As. Grigorov* (Bulgario), *R. Grinŝpan* (Sovetunio), *V. Heimlich* (GFR), *A. Kubulnieks* (Sovetunio), *R. Okumura* (Japanio), *s-ino Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *E. Raveloson* (Madagaskaro), *s-ino Saranath* (Hinda Unio), *T. Sekelj* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *s-ino M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytynski* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio), *S. Plugor* (Rumanio), *s-ino E. Váli, Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. —
III. (IFJ) 30/1976.

## DIFERENCO



Pesimisto[1]



Optimisto[2]

## MIS-KOMPRENO







# humuro

SIN-FORGESO

1. homo, kiu ĉion vidas malhele/ 2. homo, kiu ĉion trovas bona.

Ára: 14,— Ft